4-a JARO OKTOBRO 1912. 12a NUMERO (48).

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcio : | Administracio : |
| --- | --- |
| OSCAR VAN SCHOOR | FRANS SCHOOFS |
| 20, VONDELSTRAAT | 45, KLEINE BEERSTRAAT |
| (20, rue Vondel) | (45, rue de la Petite Ourse) |
| ANTVERPENO | ANTVERPENO |



## Al niaj legantoj

Je la fina numero de nia kvara jaro, la estraro de Belga Esperantisto atentigas siajn abonantojn kaj ankaŭ ĉiujn belgajn samideanojn pri la sekvantaj punktoj :

1°) Belga Esperantisto estas privata entrepreno kiu tamen estas starigita sen ia ajn ideo de monprofito por la administracio kaj redakcio. Ĝi nur celas esti kiel eble plej interesa kaj plej bona kaj ankaŭ plej malmultekosta esperantista organo por la Belgaj samideanoj.

2°) Tial ni deziras ke la belgaj samideanoj eble ple multe helpu nin a) abonante kaj abonigante ĉiujn belgajn samcelanojn, b) sendante al ni regule komunikaĵojn pri la pri kaj poresperantaj okazintaĵoj en la grupoj, c) donante kaj donigante al nia ĵurnalo anoncojn.

3°) Se kelkaj — tamen tre maloftaj — samideanoj tutkore kaj sindoneme helpas nin, ni devas tamen konfesi, sen ia ajn akreco, ke la plejmulto sin okupas pri nia ĵurnalo, nur por legi ĝin, aŭ por serĉi en ĝi okazon de riproĉoj kaj observoj. Oni ne forgesu ke la tasko de redaktoro kaj administranto ne estas ĉiam facila nek agrabla, ke inter la profitoj ni havas nur tiun labori kaj zorgi. Kaj malgraŭ ĉio ni deziras kiel profiton nur tiun ke Belga Esperantisto profitigu al ni tiom da mono ke ni povu konservi ĝin kiel ĝi estas kaj eĉ por ke ni povu ĝin ankoraŭ pligrandigi kaj ĝian enhavon pliinteresigi. Tio estas nia deziro, tia estas nia devo. Kaj tia estos nia celo, tiom longtempe kiom ni povos.

Ni nur krias, kriegas al la Belga Esperantistaro : « Helpu nin, helpu **ne nian sed vian** ĵurnalon !

Ĝis la proksima numero, koran saluton.

B. E.

# Parolo de D-ro L. L. Zamenhof

ĉe la malfermo de la VIII Kongreso en Krakovo.

La unuaj vortoj, kiujn mi volas hodiaŭ eldiri al vi, karaj samideanoj, estas vortoj de kora gratulo, ĉar ni havas hodiaŭ grandan feston. Ĵus finiĝis dudekkvin jaroj de la tempo, kiam — post longa naska preparado — aperis publike la lingvo, kiu nin ĉiujn unuigas, por kiu ni ĉiuj laboras kaj kiu enkorpigas en si tiun homofratigan ideon, kiun la plimulto el ni havas en sia koro kaj kiu dum dudekkvin jaroj flame instigadis nin labori, malgraŭ ĉia malfacileco kaj ĉiuj malhelpoj.

Dudek kvin jaroj da laborado por Esperanto kaj por ĝia ideo ! Tion povas plene kompreni nur tiuj personoj, kiuj partoprenis en tiu laborado de la komenco ĝis nun. Bedaŭrinde tre nemultaj estas tiuj personoj. El la laborantoj de la unua tempo tre multaj jam delonge plu ne vivas, aliajn lacigis la malfacila grandan paciencon kaj persistecon postulanta vojo, kaj ili malaperis el nia anaro : El tiuj personoj, kiuj troviĝas nun en ĉi tiu ĉambrego, la grandega plimulto en la unuaj jaroj de Esperanto nenion sciis pri ĝi aŭ neklare aŭdis pri ĝi nur kiel pri ia freneza, mokinda kuriozaĵo ; tre multaj el vi en la momento de la apero de Esperanto estas ankoraŭ infanoj ; multaj, kaj certe ne la malplej fervoroj el vi, en tiu tempo eĉ tute ne ekzistis ankoraŭ en la mondo. La grandega plimulto el vi aliĝis al nia afero nur tiam, kiam ĝi estis jam sufiĉe forta kaj elprovita. Tre kaj tre malgranda, facile kalkulebla per la fingroj, estas la nombro de tiuj personoj, kiuj iris kun Esperanto de la momento de ĝia naskiĝo ĝis la nuna tempo. Kortuŝite ili povas nun rememori, kiel terure malfacila estis ĉiu paŝo en la komenco, kiam ĉiu aludo pri Esperanto postulis specialan kuraĝon, kiam el ĉiu milo da semoj, kiujn ni en plej primitiva maniero, sen helpo kaj sen rimedoj pacience ĵetadis en la teron, apenaŭ unu ricevis radikojn.

Dudekkvin jaroj ! grandegan gravecon havas tia peco da tempo en la historio de lingvo artefarita. Lingvoj naturaj kreskas tute trankvile, ĉar kun tia lingvo neniu kuraĝas fari iajn eksperimentojn aŭ fleksi ĝin laŭ sia gusto ; sed pri lingvo artefarita ĉiu opinias, ke li havas rajton de voĉo, ke li povas aŭ eĉ devas direkti la sorton de la lingvo laŭ sia kompreno. En lingvo natura ĉiu eĉ plej granda efektiva malbonaĵo neniun incitas, eĉ neniun meditigas, kaj estas akceptata kun plena kontenteco aŭ rezignacio ; en lingvo artefarita ĉio ŝajnas al ni kritikinda, ĉiu bagatelo, kiu ne estas konforma al nia gusto, pikas al ni la okulojn kaj verkas deziron de refarado. Lingvo artefarita dum longa tempo estas elmetata al senĉesaj ventoj, al senĉesa tirado kaj puŝado. Kiom da ventoj, da senĉesa tirado nia lingvo devis suferi dum sia dudekkvinjara vivo ! Se ĝi tamen ĉion sane eltenis,

se malgraŭ ĉiuj ventoj kaj puŝoj ĝi dum dudekkvin jaroj vivis kaj kreskis regule kaj rekte, ĉiam pli fortiĝante kaj riĉiĝante, neniam fleksiĝante aŭ kripliĝante, neniam minacante disfali en dialektojn, sed ĉiam pli kaj pli fortikigante sian tute difinitan, ĉie egalan spiriton, neniam perdante hodiaŭ, kion ĝi akiris hieraŭ, — ni povas pri tio sincere nin gratuli.

Antaŭ dudekkvin jaroj mi timeme demandis min, ĉu post dudekkvin jaroj iu en la mondo scios ankoraŭ, ke ekzistis iam Esperanto, kaj — se Esperanto vivos — ĉu oni tiam povos ankoraŭ kompreni ion, kio estis skribita en Esp ranto en ĝia unua jaro, kaj ĉu angla esperantisto povos kompreni esperantiston hispanan. Nun pri ĉi tio la historio donis jam plenan kaj perfekte trankviligan respondon. Ĉiu el vi scias, ke verko, skribita en bona Esperanto antaŭ dudekkvin jaroj, en plena mezuro konservas sian bonecon ankaŭ nun, kaj la legantoj eĉ ne povas diri, ke ĝi estas skribita en la unua jaro de ekzistado de nia lingvo ; ĉiu el vi scias, ke inter la stilo de bona angla esperantisto kaj la stilo de bona hispana esperantisto en la nuna tempo ekzistas absolute nenia diferenco. Nia lingvo konstante progresas kaj riĉiĝas, kaj tamen, dank' al la *reguleco* de sia progresado, ĝi neniam ŝanĝiĝas, neniam perdas la kontinuecon kun la lingvo de tempo pli frua. Kiel la lingvo de homo matura estas multe pli riĉa kaj pli elasta, ol la lingvo de infano kaj tamen la lingvo de ĝuste parolanta infano neniom diferencas de la lingvo de homo matura, tiel verko, skribita en Esperanto antaŭ dudek kvin jaroj ne estas tiel vortoriĉa, kiel verko, skribita en la nuna tempo, kaj tamen la lingvo de tiu tempo perdis absolute nenion el sia valoro ankaŭ en la nuna tempo. Lingvo, kiu eltenis la provon dum dudekkvin jaroj, kiu en plej bona kaj ĉiam pli floranta stato travivis jam tutan homan generacion kaj estas jam pli maljuna, ol multaj el ĝiaj uzantoj, kiu kreis jam grandan, potence kreskantan literaturon, kiu havas sian historion kaj siajn tradiciojn, sian tute precizan spiriton kaj siajn tute klarajn idealojn, — tia lingvo ne bezonas jam timi, ke io pereige depuŝos ĝin de tiu matura kaj rekta vojo, laŭ kiu ĝi evoluas.

La vivo kaj la tempo garantiis al nia lingvo naturan forton, kiun neniu el ni povas senpune malrespekti. La hodiaŭa jubileo estas festo de tiu vivo kaj tempo.

* * *

Por ke ni, vivantoj, povu festi la hodiaŭan jubileon, fervore kaj sindone laboris multaj personoj, kiuj nun jam ne vivas. Nia morala devo estus rememori ilin en la nuna solena momento. Sed ho ve ! ilia nombro estas tro granda, por ke ni povu ilin ĉiujn citi, kaj krom tio la pli granda parto el ili laboris tiel modeste, ke ni eĉ ne scias iliajn nomojn. Tial, por ne fari maljustan apartigon inter eminentuloj kaj ne-eminentuloj, mi citos neniun nomon. Mi devas fari esceptou nur por nia

kamarado Van der Biest, kies nomo estas ankoraŭ tro freŝa en la memoro ĉe ni ĉiuj, kiu en la pasinta jaro aranĝis kaj prezidis nian grandan ĉiujaran feston kaj kies morto estas sendube ligita kun tiuj grandaj laboroj kaj malagrablaĵoj, kiujn li prenis sur sin por ni ĉiuj. En via nomo mi esprimas funebran saluton al la ombroj de *ĉiuj* niaj karaj kiujn forŝiris de ni la morto. Iliaj ombroj staru nun antaŭ niaj okuloj, kvazaŭ partoprenante en tiu granda festo, kiun ili preparis, sed ne ĝisvivis. Mi proponas al vi, ke ni honoru ilian memoron per leviĝo de niaj seĝoj.

* * *

Nun, kiam la matureco de nia afero estas jam tute eksterduba, mi turnas min al vi, karaj samideanoj, kun peto, kiun mi jam antaŭ longe volis direkti al vi, sed kiun mi ĝis nun prokrastis, ĉar mi timis fari gin tro frue. Mi petas, ke vi liberigu min de tiu rolo, kiun mi, pro kaŭzoj naturaj, okupis en nia afero dum dudekkvin jaroj. Mi petas vin, ke de la nuna momento vi ĉesu vidi en mi « majstron », ke vi ĉesu honori min per tiu titolo.

Vi scias, ke tuj en la komenco de la movado mi deklaris, ke mi ne volas esti mastro de Esperanto, sed ke la tutan mastrecon pri Esperanto mi en tuta pleneco transdonis al la esperantistoj mem. Vi scias ankaŭ, ke de tiu tempo mi ĉiam lojale agadis aŭ almenaŭ penis agadi konforme al tiu deklaro. Mi donadis al vi konsilojn, kiel mi povis, sed neniam vi aŭdis de mi la vortojn : « tion mi postulas » aŭ « tion mi deziras ». Neniam mi provis altrudi al vi mian volon. Tamen, konsciante, ke ĝis sia plena fortikiĝo nia afero bezonas ian enkorpigitan standardon, mi — laŭ via deziro — dum dudekkvin jaroj plenumadis tiun rolon, kiel mi povis, kaj mi permesadis, kvankam tre nevolonte, ke vi vidu en mi ĉefon kaj majstron. Kun ĝojo kaj fiereco mi konstatas, ke vi ĉiam montris al mi sinceran konfidon kaj amon, kaj pro tio mi eldiras al vi mian plej koran dankon. Sed nun permesu al mi ke mi fine formetu de mi tiun rolon. La nuna kongreso estas la lasta, en kiu vi vidos min *antaŭ* vi ; poste, se mi povos veni al vi, vi ĉiam vidos min nur *inter* vi.

Jen estas la kaŭzo, kiu devigis min fari la nunan decidon :

La ekzistado de ia natura konstanta ĉefo, eĉ se tiu ĉefo havas nur la karakteron de unuiganta standardo, prezentas gravan maloportunaĵon por nia afero, ĉar ĝi donas al la afero kvazaŭ personan karakteron. Se al iu ne plaĉas mia personoj aŭ miaj politike-religiaj principoj, li fariĝas malamiko de Esperanto. Ĉion, kion mi persone diras aŭ faras, oni ligas kun Esperanto. La tro honora titolo de majstro, kiun vi donas al mi, kvankam ĝi en efektiveco koncernas nur aferon de la lingvo, fortenas de Esperanto multajn personojn, al kiuj mi pro ia kaŭzo ne estas simpatia kaj kiuj timas, ke, fariĝante esperan-

tistoj, ili devus rigardi min kiel sian moralan ĉefon. Ĉiu, kies opinio pri aferoj esperantistaj estas alia ol mia, ofte sin ĝenas, eldiri sian opinion, por ne kontraŭbatali publike tiun, kiun la esperantistoj nomas sia majstro. Se ies opinion la esperantistoj ne volas akcepti, li vidas en tio nur la ĉiopovan influon de la majstro. Nun, kiam nia afero estas jam sufiĉe forta, estas necese, ke ĝi fine fariĝu absolute libera, ne sole libera de ĉiuj personaj *dekretoj*, kia ĝi fariĝas antaŭ dudekkvin jaroj, sed ankaŭ de ĉia efektiva aŭ ŝajna persona *influo*. Estas necese, ke la mondo sciiĝu tute klare, ke Esperanto povas havi aŭ ne havi siajn libere elektitajn gvidantojn, sed ke ĝi posedas nenian konstantan *majstron*. Nomu min per mia nomo, nomu min fondinto de la lingvo, aŭ kiel vi volas, sed mi petas vin, ne nomu min plu « majstro », ĉar per tiu morale tro liganta nomo vi mallibérigas nian aferon.

Multaj el vi portas en sia koro la samajn idealojn, kiel mi, kvankam ne ĉiuj en tute egala formo : sed la mondo devas scii, ke tiu spirita parenceco inter mi kaj vi estas laŭvola kaj la esperantismo ne povas esti responda pri miaj personaj ideoj kaj aspiroj, kiuj por neniu el vi estas devigaj. Se mi ion diras aŭ faras, kio ne estas konforma al la gusto aŭ konvinkoj de tiu aŭ alia el vi, mi deziras, ke tio neniun el vi ĝenu kaj ĉiu el vi havu la rajton diri : tio estas tute privata ideo aŭ frenezaĵo de Zamenhof, kaj ĝi havas nenion komunan kun la Esperanta movado, en kiu li estas nun persono tute privata. La interna ideo de Esperanto estas : sur neŭtrala lingva fundamento forigi la murojn inter la gentoj kaj alkutimigadi la homojn, ke ĉiu el ili vidu en sia proksimulo nur homon kaj fraton. Ĉio, kio estas super tiu interna ideo de Esperanto, estas nur *privataĵo*, kiu povas eble esti *bazita* sur tiu ideo, sed neniam devas esti rigardata kiel *identa* kun ĝi.

Antaŭ ol mi formetas de mi ĉian oficialan rolon en nia afero mi ankoraŭ la lastan fojon admonas vin : laboru ĉiam en plena unueco, en ordo kaj konkordo. Ĉiujn dubajn demandojn, kiuj koncernas la tutan Esperantan aferon, kaj kiuj ne tuŝas la personan liberecon de ĉiu aparta esperantisto, solvu ĉiam pace, per regula interkonsiliĝo de viaj egalrajte elektitaj delegitoj kaj per disciplina cedo de la malplimulto al la plimulto. Neniam permesu, ke en nia afero reĝu la principo : kiu pli laŭte krias, tiu estas prava. « Per unueco ni pli aŭ malpli frue certe venkos, eĉ se la tuta mondo batalus kontraŭ ni ; per interna malpaco ni ruinigus nian aferon pli rapide, ol tion povus fari ĉiuj niaj malamikoj kune. Ne forgesu, ke Esperanto estas ne sole simpla lingvo, kiun ĉiu el ni uzas nur por siaj propraj bezonoj, sed ke ĝi estas grava *socia problemo*, ke, por atingi nian celon, ni devas konstante *propagandi* nian aferon kaj zorgi pri tio, ke la mondo havu *estimon* kaj *konfidon* por ĝi. Se en nia afero aperas io, kio ŝajnas al ni malbona, ni povas trankvile ĝin forigi per komune interkonsentita decido ; sed ni neniam

semu en nia tendaro reciprokan malamon kaj malpacon, kiu nur ĝojigas kaj triomfigas niajn malamikojn. En la unuaj jaroj de nia laborado sur nia standardo estis skribitaj la vortoj « espero, obstino kaj pacienco » ; tio tute sufiĉis, ĉar ke ni samideanoj, devas reciproke nin estimi kaj helpi, tio por ĉiu estis komprenebla per si mem. En la lastaj jaroj ni bedaŭrinde ofte forgesis tiun devon ; tial nun, transirante en la duan gravan periodon de nia historio, en la duan kvaronjarcenton, ni skribu sur nia standarde novan vorton, kaj ĉi tiun vorton ni ĉiam respektu kiel sanktan ordonon ; tiu vorto estas : « konkordo ».

* * *

Mi finis tion, kion mi intencis diri al vi, karaj amikoj. Mi scias tre bone, ke multajn el vi mia nuna parolo malagrable seniluziigos. Kun madolĉa sento de neplenumita espero vi eble demandos : ĉu en sia lasta kongresa parolo, en sia « kanto de cigno » li nenion pli havis por diri al ni ? Ĉu en la grava tago de la jubileo de la esperantismo, de tiu jubileo, kiun ni atingis post tiom multe da laboroj kaj suferoj, li nenion pli havas por diri al ni ? ĉu en la unua kaj eble ankaŭ la lasta fojo, en kiu ni el ĉiuj partoj de mondo alproksimiĝis, kiom ni povis, al tiu loko, kie Esperanto naskiĝis kaj kie la atmosfero, saturita de intergenta malpaco, per neevitebla natura reago naskis la esperantisman movadon, — ĉu en ĉi tiu grava kaj solena momento li nenion pli havis por diri al ni ? Ho ne, miaj karaj amikoj, miaj karaj samideanoj kaj kunlaborantoj ! Multe, multe, tre multe mi volus hodiaŭ diri al vi, ĉar mia koro estas plena ; en la jubilea momento de la esperantismo mi volus paroli al vi pri tio, kio naskis la esperantismon, pri ĝia esenco kaj espereblaj sekvoj ; sed hodiaŭ mi staras antaŭ vi ankoraŭ en rolo oficiala, kaj mi ne deziras, ke mia privada kredo estu rigardata kiel deviga kredo de ĉiuj esperantistoj. Tial pardonu min, ke mi pli ne parolas.

Kio estas la esenco de la esperantisma ideo kaj al kia estonteco alkondukos iam la homaron la interkompreniĝado, — tion ni ĉiuj sentas tre bone, kvankam ne ĉiuj en tute egala formo kaj grado. Ni donu do hodiaŭ plenan regadon al tiu silenta, sed solena kaj profunda sento, ni ne profanu ĝin per teoriaj klarigoj,

* * *

Samideanoj ! La antikva pola ĉefurbo, en kiu ni kunvenis, pretigis por ni gastaman akcepton, faris multe, por honori nian aferon kaj por agrabligi al ni nian restadon dum la kongreso. Mi esperas, ke, revenante en sian hejmon, ĉiu el vi kunportos kun si plej bonan rememoron pri tiu lando kaj urbo, kiujn la plimulto el vi ĝis nun verŝajne tre malmulte konis. Al la regno kaj lando, kiu montris al ni sian amikecon, sed precipe al la estraro de la gastama Krakovo kaj al ĉiuj institucioj kaj personoj, kiuj donis al nia

kongreso sian moralan kaj materialan subtenon, mi esprimas en via nomo la plej koran dankon. Plej koran kamaradan dankon ni esprimas kompreneble autaŭ ĉio al la senlaca loka organiza komitato, kiu ne ŝparis laboron por la plej bona aranĝo de nia kongreso. Kaj nun mi deziras al vi ĉiuj feston kaj sukcesan laboron.

*D-ro L. L. Zamenhof*

---

# La « Oka » en Krakovo.

Ne malpli sukcesa, ne malpli grandioza, impresiga — kaj ĝuiga al la koro de la esperantistoj — ol la kongreso de Antverpeno, estis la spektaklo de la jubilea kongreso en Krakovo. La oka jam de tiuj veraj mondmanifestacioj nun okazis en la pola lando, en la patrolando mem, ĉe la lulilo de nia komuna internacia lingvo Esperanto. Ni devas konfesi, ke la sukceso de la jubilea kongreso multe superis niajn supozojn, kaj eĉ niajn esperojn.

Precipe nin surprizis kaj ĝojigis la unanimeco, la granda paco, kiu regis dum la kunsidoj de la kongreso.

Post la okazintaĵoj en la pasinta jaro, la diskutoj en nia Esperantista gazetaro, la ofendoj al kelkaj plejeminentaj samideanoj, la rifuzo de multaj grupoj pagi sian kotizon al la Centra Oficejo, dum ili sendis delegiton al la kongreso, ĉi ĉiuj faktoj nin ne atendigis, ke en la kongresaj kunsidoj, en kiuj estus pritraktata la organiza demando, la kaŭzo de tiuj opiniodiferencoj, regus tia plena interkomprenado, tia plena paca spirito, kiel vere postulas ĝin la interna ideo de nia mondbonfara afero.

Kaj tamen, kiel ĵus jam mi diris, niaj antaŭsupozoj estis malĝustaj : eĉ ne unu falsa tono aŭdiĝis en la akordo de la pacaj batalantoj.

Al kiuj ni ŝuldas tiun fakton gravan ? Certe ni ŝuldas grandan dankon al d-ro Zamenhof por la saĝaj konsiloj en lia kongresa parolado ; kaj tio estas certa, ke la granda modesteco, kiun en tiu parolado denove montris la kreinto de Esperanto, sin displantis en la koroj de ĉiuj kongresanoj, forprenante de ili ĉiun emon por altrudi ian sian propran opinion, aŭ persisti, kie jam antaŭe promesas obei la majstro mem. « La majstro ! » Eĉ de nun d-ro Zamenhof ne plu volas esti nomata tiel. Tiel plej eble multe li deziras disigi nian aferon de lia persono, pro timo, ke eble malŝato de liaj politik-religiaj ideoj detenos kelkajn personojn de lia kreaĵo.

Plue ŝajnas al ni, ke la perfekta gvidado kaj estrado de la kunsidoj ankaŭ ne malmulte helpis al la unanimeco, al la pacaj diskutoj, kiuj estis la plej-precipaj ecoj de la jubilea kongreso.

Ankaŭ la organizo estis perfekta, eĉ kiel preskaŭ ĝis nun nekonata. La t. n. plendolibro en la akceptejo tial ankaŭ preskaŭ nur enhavis laŭdojn. Festaspekton montris la tuta urbo. La kongresanoj ĉie trovis plenan favorigon, precipe flanke de la urbaj aŭtoritatuloj,

Ili ĝuis i. a. dum la tuta kongressemajno tute senpagan uzrajton de la tramvojo. La urbestro mem estas fervora, sed ankaŭ lerta esperantisto. Tion li montris en la granda malferma kunveno, kie li bonvenigis ĉiujn alvenintojn en plejpura Esperanto. Post lia bonvensaluto baldaŭ komencis sian kongresan paroladon d-ro Zamenhof. La teksto de tiu parolado oni trovas ankaŭ en ĉi tiu sama numero. Post tiu parolado, kiun la kongresanoj kelkfoje aplaŭdis, sed dum kiu ankaŭ ekbruis unufojon la unanima krio « ne, neeble » (kiam la majstro sciigis, ke la krakova kongreso estas la lasta, en kiu li aperas antaŭ la kongresanoj), salutis la kongreson la delegitoj de multaj registaroj, ministerioj, urboj, korporacioj kaj fine senfina vico da reprezentantoj de la diverslandaj societoj esperantistaj.

Okazis dum la kongreso tri laborkunsidoj.

Jam en la unua estis decidata, ke por tiu fojo ĉiuj rajtigitaj delegitoj ricevos voĉdonrajton, eĉ se ilia grupo ne pagis la kotizon postulitan. En tiu kunsido S-ro C. Bourlet sciigis al la kongreso, ke Generalo Sébert decidis prezenti al la esperantistaro la tutan Centran Oficejon, sen ia ajn ŝuldo. Tiun donacon li faros la 1an de Januaro venonta.

S-ro Bourlet ankaŭ montras al la kongreso buĝeton por la C. O. el kiu montriĝas, ke, kun la proponita kotizo la C. O. povas bone funkciadi.

En la dua labora kunsido, post longa, sed tute amika kaj samideana diskutado oni unanime akceptis la jenan rezolucion :

1. Ke la demando pri ĝenerala organizo estu prokrastata.

2. Ke koncerne la demandon pri unuiĝo de naciaj societoj, la kongreso opinias, ke tiu dependas de la societoj mem kaj sekve decidas ne diskuti ĝin, sed nur rekomendas, ke la koncernaj societoj studu la oficialajn raportojn kaj faru ĉion eblan por interkonsiliĝi kaj tiel pli bone antaŭenpuŝi nian propagandon tra la tuta mondo.

La rajtigitaj delegitoj en la tria laborkunsido decidis, ke la komisio, elektita en Antverpeno por studi la demandon pri ĝenerala organizaĵo daŭre funkciados kaj ke ĝi publikigu tri monatojn antaŭ la naŭa kongreso sian raporton pri tiu demando.

La lokon por la naŭa kongreso oni elektis Genova en Italujo, kaj samtempe oni decidis ke la deka kongreso en 1914 okazos en Parizo.

La granda ferma kunveno okazis Sabaton la 17an de Aŭgusto.

Multaj personoj en tiu kunsido parolis pri diversaj temoj, d-ro Zamenhof anoncas la morton de Monsinjoro Schleyer, la kreinto de l'Volapük kaj proponas ke oni leviĝu por honori lian memoron. Al la urbestraro de Konstanz la kongreso decidis sendi kondolencan telegramon okaze de la morto de tiu prelato. Diversaj personoj dankas la lokan komitaton pro la superbe bona organizo de la kongreso.

Fino, post kelkaj dankvortoj de d-ro Zamenhof kaj kantado de « La Espero » la Oka kongreso estas fermata, kaj foriĝas la kongresanoj, kies nombro atingis preskaŭ la ciferon mil, al siaj respektivaj hejmoj aŭ al la urboj kie okazos postkongresoj aŭ ekskursoj.

Sed tiu ĉi raporto de la « Oka » ne estus kompleta, se ne ion ĝi parolus pri la festoj kaj distraĵoj, kiuj okazis dum la kongreso en granda nombro.

El tiu, estas precipe memorinda la ekskurso al la salminejoj en Wieliczka. En tiu ĉi ekskurso partoprenis ĉirkaŭe 1200 personoj. Ĉe la stacidomo, la urbestro Aywas akceptis Esperante la gastojn. Baldaŭ la ekskursintoj veturis malsupren en la minon per liftoj. En la interno de la mino ĉie brilis la elektra lumo en plej artplenaj ornamaĵoj. La vizitantoj sin trovis kvazaŭ en sorĉpalaco. En tiu mino ĉion oni trovas ; belaj preĝejoj, stacidomo, ĉarma lago kaj fine grandega balsalono. Tie okazis dum la vizito gaja balo, kia certe neniam en la mondo jam okazis.

En Krakovo preskaŭ ĉiuvespere la samideanoj povis profiti teatrajn prezentadojn en Esperanto, deklamadojn de diverslandaj esperantistoj kaj kantadojn de ĉarmaj popolaj kantoj en pola kaj esperanta lingvoj.

Specialan sukceson akiris la prezentado de la pola dramo « Mazepa, » esperanten tradukita de A. Grabowski kaj ludata de Krakovaj profesiaj geartistoj. Saman sukceson akiris la opero « Halka », kiun el la pola lingvo tradukis la sama verkisto. « Halka » estas la unua opero en Esperanto. La kutima internacia balo kun naciaj kostumoj fermis la serion da festoj. Nun ankoraŭ mi povus raporti pri la multnombraj fakaj kunvenoj, kiuj okazis en Krakovo dum la kongressemajno 11—18 Aŭgusto, sed tiam ĉi tiu artikolo fariĝus tro longa. Pro tio, mi nur ankoraŭ *citos* ke tiajn kunvenojn tenis i. a. la scienca asocio, U. E. A., la int. asocio de instruistoj, la Esperantistaj juristoj, la studentoj kaj la T. E. K. A.-j. kuracistoj.

La jubilea kongreso ĉiam brilados inter ĝiaj antaŭ-kaj posteuloj.

*Laŭ raportoj en diversaj gazetoj Esp. verkis.* H. D.

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la dısajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al « Belga Esperantisto », 20, Vondelstraat (rue Vondel), Antwerpen (Anvers). Tre danke nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**ST-MARIABURG.** — En la lasta tempo la grupo « La Verda Flago » tre energie funkcias, kunvenante ĉiumarde. — La grupanoj pasigis kune multajn agrablajn vesperojn. Je la komenco de Oktobro la komitato starigis novan kurson ; aliĝis kontentiga nombro de novuloj ambaŭseksaj. Okaze de tiu starigo S-ino Thiels, prezidantino, en mallonga paroladeto lerte traktis pri Esperanto kaj montris ke ĝi estas nun hrme starigita en ĉiuj landoj. Ŝiaj diroj estis ricevitaj kun granda intereso de la aŭskultantaro kaj sendube bonaj semaj ĝermos.

Artikoloj pri kaj en Esperanto aperadas en la loka gazeto : « Gazet van Mariaburg ».

JOĈJO.

---

# 9a Universala Kongreso de Esperanto

## (GENOVA)

## 31an de Augusto - 7an de Septembro 1913

### ADRESO DE LA KOMITATO :

### Kongreso de Esperanto Genova (Italujo)

La jubilea Kongreso finis kaj ni komencas prepari la 9an. La Komitato komencante sian laboron fidas unue en la vigla helpo de la plej agemaj esperantistoj de la tuta mondo.

Ni intencas labori praktike kaj ni deziras montri per la esperantistoj, multenombre ĉeestontoj en Genova, al nia plej grava komerca urbo, al la tuta Italujo kiel grava ilo de progreso kaj de paco estas nia kara lingvo. La konkordo kiun la esperantistoj obtenis en Krakovo pri la organiza demando igos senutilaj longajn diskutojn en la 9a kongreso. La rajtigitaj delegitoj havos antaŭ si negravajn demandojn tial estos eble al la esperantistoj ĉeestontaj en Genova havi pli da tempo por praktike labori per Esperanto al la antaŭenpuŝo de siaj personaj interesoj aŭ ideoj. La komitato ne intencas prepari tro lacigantajn festojn. La beleco de nia urbo kaj de ĝiaj ĉirkaŭaĵoj estos jam per si mem sufiĉe interesaj kaj allogaj.

Plie ni devas prepari interesajn fakajn kunsidojn. Niaj kongresoj internaciaj (kiel prave diris S ro von Frenckell) ne plu devas esti nur ĝojaj kaj turistaj festoj, sed ili devas fari praktikan

laboron kaj decidi pri gravaj aferoj kiuj helpas la progreson de Esperanto. Kaj ni certe helpas plej praktike al la progreso de Esperanto se antaŭ la mondo kiu nin rigardas ni montros kiamaniere ni aplikas Esperanton.

Do ni preparas nin praktike labori. Nia S-ro Stromboli reveninte el la 8a Kongreso, kortuŝita per la entuziasma akcepto farita al la propono de la Genova Esperanta Unuiĝo por ke la kongreso okazu en Genova, portis al ni 116 aliĝojn al la 9a, kaj inter ili li portis ankaŭ kelkajn kotizojn jam pagitaj. Tio estas bona komenco kaj por ke bona ekzemplo estu tuj sekvata *la Komitato decidis ke ĝi sendos senpage al ĉiu sendinto de la kotizo de la kongreso (6 Sm. : 15 Frankoj) la gazeton «Itala Esperantisto» komencante de kiam ili sendos la kotizon.* Ni petas la gazetojn ke ili bonvolu represi tiun decidon kaj la samideanojn bonvolu sciigi ĝin al konatuloj kaj instigu la aliĝontojn aŭ aliĝintojn ke ili sendu tuj la kotizon.

La Komitato estos kuraĝigata kaj plie energie laboros kaj samtempe la kongresanoj per la gazeto interrilatos kun la komitato kaj kun la aliaj kongresanoj kaj ĉiuj venos al Genova kun jam definita kaj preparita laboro. Ni petas la kongresontojn ke ili bonvolu de nun deklari per sia aliĝo la nomon, antaŭnomon, profesion, urbon, landon kaj en kiujn fakajn kunsidojn ili intencas partopreni por ke ni povu antaŭscii pri la graveco de tiuj kunsidoj kaj bone organizi ilin donante al ĉiuj la eblon partopreni tiujn, kiujn ili deziras.

Samideanoj de la tuta mondo ni komencas labori, fidante en Vi, ni bezonas Vian helpon por forte puŝi antaŭen Esperanton en Italujo.

La progreso de Esperanto en Italujo estos grava por la tuta nia afero, ĉar Italujo tiel vizitata de fremduloj povas praktitke montri kiel povus utili Esperanto al la turismo. Per praktikaj pruvoj ni pli facile realigos nian revon.

*La Komitato.*

---

## Projekto de Protokolo pri la Komitata kunveno de la Belga Ligo Esperantista, okazinta la 28-an de julio, en la salono de la « Hôtel Métropole » en Bruselo.

La kunveno estas malfermata je la 10a 1/4, S-ro Witteryck prezidas.

ĈEESTAS : *Delegitoj de la ĝenerala kunveno :* S-roj Champy, Pastro Richardson kaj Van Schoor. S-ino Parotte-Dumortier anstataŭas S-ron Parotte, kaj S-ro Paquay, D-ron Dupont. S-ro Babilon senkulpiĝis.

*Delegitoj de la grupoj :* S-roj Unterman, (anstataŭanta S-ron Finet) (A. G. E.), Schoofs kaj Van de Voorde (V. S. A.), J. Jacobs kaj De Backer (S. L.) F. Neels (anst. S-ron Scuvée) kaj Paquay

(anst. S-ron Albert) (Beyne-Heusay), Clerbaut (B. G.), F-ino Ledène kaj S-ro Witteryck (B. G.). S-roj Delvaux kaj Ernst (anst. S-ron Wagner), (K. G.), F-ino Posenaer (L. B.), S-ro Mathieux (B. G.), Kersten (anst. S-ron Lambert), Sebruyns kaj Petiau (G. G.), Van Wesenbeeck V. F. Mariaburg), Tivourst (anst. S-ron Baez) S-t-Gilles) kaj S-ino Parotte-Dumortier (V. G.) kaj V. S. V.) anst. S-ron Pirnay, S-ro Sebruyns anst. S-ron De Bruycker por funkcii post la akcepto de la grupo « Espero » de Gendbrugge.

Ĉar 23 delegitoj, riprezentantaj 27 voĉojn, ĉeestas, la kunvenantaro rajtas voĉdoni.

1° *Protokolo.* La protokolo de la antaŭa kunveno estas aprobata, S-roj Schoofs kaj Van Schoor petas ke, estonte, la protokolo enhavu pli da detaloj.

2° *Aliĝo de grupo.* La grupo « Espero » de Gendbrugge, petas aliĝon. Ĉar ĝi donis la sciigojn postulatajn de la Art. 6a, kaj ke nenio en ĝia regularo kontraŭstaras la ligan regularon, la prezidanto proponas akcepti ĝin, kiel aliĝintan grupon. Akceptata unuvoĉe, sen diskuto.

3° *Propono de nuligo de la elekto okazinta dum la IVa Nacia Kongreso.* S-roj Schoofs, Van de Voorde, Fillet kaj Marcus skribis leteron al la prezidanto, petante ke li enskribu sur la tagordon tiun temon.

S-ro Schoofs klarigas ke, kvankam li ne ĉeestis la ĝeneralan kunvenon okazintan en Gente dum la Kongreso, kaj ke li estis nova kandidato por la elekto de la ses delegitoj elektotaj, li deziras ke la baloto estu nuligota, ĉar laŭ li, li rajtis havi pli da voĉoj ol oni oficiale konstatis. Li do insiste petas la prezidanton ke li voĉdonigu pri la nuligo de tiu baloto.

S-ro Clerbaut legas leteron de S-ro Babilon rimarkigante ke laŭ li, la komitato ne rajtas nuligi decidon de ĝenerala kunveno. S-ro Sebruyns kaj aliaj personoj aprobas tiun vidmanieron.

Tamen S-ro Schoofs insistas por ke oni voĉdonu, kaj S-ro Van de Voorde legas longan raporton kritikantan ĉion kio okazis dum la ĝenerala kunveno, eĉ dum la lasta parto, kiam li kaj la kunsubskribantoj de la propono ne ĉeestis. Li malaprobis la agmanieron de la Prezidanto kaj de la ĝenerala Sekretario. S-ro Schoofs insistas por ke oni legu la diversajn leterojn senditajn de liaj amikoj al la prezidanto. La leteroj legitaj konigas la samajn argumentojn kiel la raporto de S-ro Van de Voorde.

La prezidanto klarigas ke ĉiu konsentas diri ke, pro la diversaj cirkonstancoj, le voĉdonado ne povis esti organizita kiel oni deziris, precipe ĉar la kandidatureco de S-ro Schoofs estis prezentata lasthore, la tempo mankis por pretigi la voĉbultenojn ; ne ekzistis en la kunvenejo nigra tabulo por konatigi al la ĉeestantaro la nomojn de la kandidatoj La prezidanto rimarkigas ke jam, li rekomencigis la voĉdonadon, ĉar li rimarkis ke neregulaĵoj okazis. Li rimarkigas ankoraŭ ke la nuna tagordo enhavas proponon de rimedoj por ke, estonte, la voĉdonado okazu tute regule.

Fine, la prezidanto certigas ke li kaj la estraro faris ĉian eblon por ke ĉio okazu honeste kaj kiel eble plej bone, laŭ la cirkonstancoj, kaj ke pri tio, li ne permesas ke oni dubu. Li deklaras ke, antaŭ ol daŭrigi la kunvenon, li devas scii ĉu jes aŭ ne, li havas ankoraŭ la fidon de la komitatanoj.

S-roj Van Schoor kaj Delvaux proponas tagordon de konfido, sed S-ro Schoofs insistas por ke oni voĉdonu unue, pri lia propono de nuligo tute simpla. 19 personoj, riprezentantaj 28 voĉojn voĉdonas kontraŭ la propono Schoofs kaj 4 favore (Verda Stelo kaj Suda Lumo).

S-ro Van Schoor ne voĉdonis ĉar li estis proponinta alian tagordon.

S-ro Delvaux konsentas por ke oni voĉdonu nur, pri la tagordo Van Schoor kiu estas pli larĝa ol la lia. Jen la teksto :

« La kunvenantaro plenfida en la lojaleco de la direktanta » komitato, sed post esploro, konvinkita ke la elekto de la ses » komitatanoj de la ĝenerala kunveno ne okazis tute regule pro » diversaj cirkonstancoj, decidas nuligi la voĉdonadon kaj decidas » ke la ses komitatanoj kiuj estis reelektotaj, daŭrigu la mandaton » ĝis la proksima ĝenerala kunveno ».

17 delegitoj (20 voĉoj) akceptas la tagordon, 4 rifuzas (Verda Stelo kaj Suda Lumo) kaj 2, (3 voĉoj) ne voĉdonas, opiniante ke la komitato ne rajtas voĉdoni la nuligon.

S-ro Schoofs konatigas ke lia grupo, Verda Stela, komisiis la delegitojn forlasi la kunvenon kiam la propono de nuligo ne estas akceptata, kaj malgraŭ la insiston de la prezidanto, S-roj Schoofs kaj Van de Voorde forlasas la salonon.

4° *Reprezentanto de la Belga Ligo ĉe la IIa Kongreso de U E. A. en Krakovo.* La Prezidanto de tiu asocio invitis la Ligon sendi delegiton ; kvankam ĝis nun la Ligo ne sendis delegiton ĉe la antaŭaj kongresoj, estas decidata ke ĉi tiu foje oni akceptos inviton. S-ro W. Ernst de Charleroi, estas komisiata por tiuj funkcioj,

5° *Proponoj de S ro Delvaux, prezentitaj dum la Genta Kongreso.* S-ro Delvaux detale klarigas la konkludojn de la raporto kiun li prezentis ĉe la IVa Belga Kongreso, pri la agado de la B. L. E.

La komitato akceptante tiujn konkludojn unuvoĉe, decidas :

A. Proponi al la ĝenerala kunveno ke la grupoj pagu pomembran kotizaĵon da 15 centimoj, kun minimumo da 5 frankoj; ili ĉiujare sendos nomaron de siaj membroj al la ĝenerala Sekretario de la Ligo.

Ĉiu grupo rajtos tiom da voĉoj ĉe la komitato de la Ligo, kiom ĝi kalkulas da du-dek-kvinoj da membroj ; tamen, tiuj voĉrajtoj estos riprezentataj maksimume per du delegitoj.

B/- Dissendi ĉiujare al la grupo oferlistojn por libervolaj laŭvolaj kotizajoj de iliaj membroj.

C/- Eldoni ligan propagandan poŝtkarton.

6. — *Propona aldono al Art. 7a de la regularo.*

La prezidanto, laŭ rimarko de la Verviersa grupo, rimarkigas ke nun, la regularo permesas elekti la ses delegitojn en la sama grupo kaj plie tiu grupo rajtas sendi ankoraŭ du delegitojn se ĝi havas minimume 75 membrojn.

La komitato decidas unuvoĉe submeti al la proksima ĝenerala kunveno la jenan aldonon al la art. 6 : « La ĝenerala kunveno ne rajtas elekti pli ol du delegitojn el la sama grupo, »

La kunveno estas interompata de la 13a ĝis la 14. 50a.

La samaj delegitoj kiel la matenon ĉeestas krom S-roj Pastro Richardson, Kersten kaj Ernst, sed S-roj Vermandel (Verda Standardo) kaj Neels, anstataŭanta D ron Van der Biest (A.G.E.) ĉeestas.

7. — *Propono pri la ĵurnalo « Belga Esperantisto »* S-ro Van Schoor klarigas sian proponon celantan prosperigi la nacian organon, certigi ĝian estonton, kaj malgravigi la abonprezon. La rimedo estus : devigi ĉiun liganon aboni la ĵurnalon. Por la ligo, la profito estus ke kiam la nombro da belgaj abonoj estos mil, la abonprezo estos nur 2.50 fk. kaj la administracio de la gazeto depagus 50 centimojn po abono en la liga kaso.

S-roj Delvaux, Jacobs kaj la grupo « La Zamenhof » sciigas ke por ilia grupo, tiu propono ne estas akceptebla ĉar en la nuna stato, la kotizaĵoj ne permesas aboni le ĵurnalon kaj oni ne povas pligravigi la kotizaĵon.

Post tiuj klarigoj, S-ro Van Schoor diras ke, ĉar estas danĝere altrudi decidon kiu ne estas tute libere akceptata de ĉiu, li reprenos sian proponon, sed li speciale insistas pri la utileco ke ĉiu grupo subtenu, kiel eble plej efike, la oficialan organon por certigi ĝian regulan ekzistadon.

S-ro Sebruyns kaj la prezidanto insiste atentigas la delegitojn pri la alvoko de S-ro Van Schoor.

8. — *VIIIa Kongreso. — Elekto de rajtigitaj delegitoj.* S-ro Mathieux je l'nomo de Pastro Richardson legas proponon celantan ke ĉiuj malgravaj grupoj kunigu en diversaj federacioj kaj ke estu la aro de la federacianoj kiu elektus la rajtigitajn delegitojn sendotajn ĉe la kongresojn.

S ro Mathieux klarigas la nunan staton de la demando kaj post ne longa diskuado. estas decidata ke la Ligo mem ne devas sendi delegitojn. Ĝi aprobas la principon de internacia organismo kun pago de kotizaĵo, sed aliĝinta grupo estas libera decidi tion kion ĝi volas.

La komitato opinis ke estas dezirinde ke la rajtigitaj delegitoj kiuj ĉeestos la VIIIan kongreson, voĉdonu por ke U. E. A. estu ekster la movado de propagando kaj ke ĝi daŭrigu, sin okupi nur pri peresperantistaĵoj.

9. — *Aldono al la regularo.* La prezidanto rimarkigas la utilecon enkonduki novajn artikolojn en la regularon celante 1e

konigi antaŭ la balotoj la nomojn de la kandidatoj ; 2e ke ĉiu ŝanĝo estu unue diskutata kaj akceptata de la komitato.

La kunvenantaro akceptas unuvoĉe la jenan tekston kiu estos submetata al la decido de la proksima ĝenerala kunveno.

La kandidatoj por la komitata membreco devas esti prezentataj al la prezidanto, per rekomendita letero, surhavanta la subskribon de la kandidatoj mem, almenaŭ tri semajnojn antaŭ la ĝenerala kunveno. La prezidanto konigos la nomaron de la kandidatoj al ĉiuj delegitoj almenaŭ du semajnojn antaŭ la kongreso La kongresanoj ricevos specialan voĉdonilon. — Oni sekvos la samajn regulojn ĉe la baloto de la Ligestraro. La proponoj pri iaj ŝanĝoj en la regularo devas esti aprobitaj en komitata kunveno de la du trionoj de la voĉrajthavantaj ĉeestantoj antaŭ ol esti prezentataj en la ĝenerala kunveno. Tiuj ŝanĝoj estos prezentataj al ĉiuj delegitoj almenaŭ du semajnojn antaŭ la kongreso. Oni ankaŭ ilin konigos cirkulere, antaŭ la ĝenerala kunveno, al ĉiuj liganoj partoprenontaj en la kongreso.

10. — *Delegito ĉe la Administra Komitato, de Esperantista Centra Oficejo*. Ĉar oni devas anstataŭi la bedaŭratan S-ron Van der Biest-Andelhof ĉe tiu komitato, la prezidanto propanas ke oni elektu por tio s-ron Delvaux, ĉar li mem ne havas la tempon por akcepti, kiel oni proponas al li, S-ro Delvaux estas unuvoĉe elektata por tiuj funkcioj kaj S-ro Mathieux por eventuale anstataŭi S-ron Delvaux laŭbezone.

11. — *Lasta ekzameno*. Ĉar unu kandidato kiu ne sukcesis la lastan ligan ekzamenon faris maldecajn rimarkojn, la kunvenantaro voĉdonas unuvoĉe plenfidan tagordon pri la juĝantaro.

12. — *Organizado de la Naciaj Kongresoj*. La prezidanto proponas ke estonte, la tagordo de la ĝenerala kunvenoj estu aranĝota jenamaniere :

Anstataŭigo de longaj raportoj sciigataj dum la ĝenerala kunveno, per :

*a*) diskuto kaj, eventuale, voĉdono pri proponoj klare kaj mallonge esprimitaj kaj aparte prezentitaj. — Ĉiu ligano rajtas sendi proponon por la ĝenerala kunveno al la prezidanto plej malfrue 15 tagojn antaŭ la lasta komitata kunveno de la liga jaro. — Tiu komitata kunveno elektos la pridiskutotajn temojn.

*b*) konigo kaj klarigo de kelkaj ĉefaj decidoj alprenitaj dum la komitataj kunvenoj ;

*c*) raportoj pri la agado de la diversaj fakoj aŭ grupoj.

13. — *Regularo pri ekzameno*. — Pro la forestado de s-ro Finet, estas decidata prokrasti ĉion kio sin rilatas al la ekzameno. Tiamaniere la speciala komitato komisiita por studadi tiun demandon povos daŭrigi ĝian laboradon.

14. — *Baloto de la Estraro*. La kunvenantaro balotas la membrojn de la estraro. La malnovaj anoj estas reelektataj,

15. — Car S-ro Schoofs forlasis la kunvenon, la diversaj temoj de li proponitaj, ne estas diskutataj.

La kunsido disiĝas je la 17a.

*La ĝenerala Sekretario.*
L, CHAMPY.

# GRAVA KOMUNIKO

**La Verda Stelo** en ĝenerala kunveno de la 7a de Aŭgusto 1912a; fidante en la lojaleco de Sroj Jan Fillet kaj Lud Marcus kiuj kontrolis la voĉdonadon por la ses delegitoj de la ĝenerala kunveno de 1912 de la Ligo;

aprobante la sintenadon de siaj delegitoj ĉe la Liga Komitato, kiuj, se la kunveno de la 28a de Julio ne voĉdonis pri la tagordo de tiu Komitato, ĉar oni obstine rifuzis apartigi la nuligon de la elekto okazinte en Gento kaj la frazon por daŭrigo de l'mandato de la ses delegitoj kiu estis reelektotaj;

konsiderante ke la lastmencita decido estas tute kontraŭa al la art. 7a de la Liga regularo, kiu ordonas ke la ses delegitoj de la ĝeneralaj kunveno devas esti elektataj *ĉiujare*:

konsiderante ke ĉiuj, ĝis nun okazintaj elektoj ĉe la ĝeneralaj kunvenoj estis konfuzaj;

decidas:

ke la grupo «La Verda Stelo» ĉesas esti Liga grupo kaj restos tia tiom longe kiom la 6 delegitoj partoprenos kontraŭregule en la laboroj de Direktanta Komitato de la Ligo kaj ĝis kiam la estraro de la Ligo povos doni garantiojn pri serioza reelekto de la suprenomitaj delegitoj kaj pri observo de la art 12a de la regularo;

ke la jena tagordo estos sendata al la Ligo, al ĉiuj Ligaj grupoj kaj al la revuo «Belga Esperantisto» kun peto pri publikigo.

# EKSTERLANDA KRONIKO

**Italujo.** — La tria itala kongreso de la italaj esperantistoj okazis en Verona dum la tagoj 7a kaj 8a de Aŭgusto. La tiea regiona komitato de la Itala Esperanto Asocio ĉion bone organizis kaj aranĝis por ke la kongreso atingu la plej bonan sukceson kaj ke la kongresanoj ĝuu kiel eble plej agrablan akcepton kaj gajan travivadon de la kongresaj tagoj.

La 6an de Augusto, oni aranĝis, en la sidejo de la kongreso, propagandan paroladon, kiun efike faris D-ro Stromboli el Genova; ĉeestis multaj personoj kaj ĉiuj urbaj gazetoj favore raportis pri ĝi. La morgaŭan matenon oni solene malfermis la kongreson al kiu aliĝis ĉiuj Veron'aj autoritatoj kaj eĉ multaj el ili sendis oficialan reprezentanton kiel ekzemple la urbestro, la provincestro, la prezidanto de la Komerca Ĉambro, la Juĝantaro k. t. p., kiuj afable portis al la kongreso bondeziron de utila laboro por la disvastigo de nia lingvo en Italujo.

Post la malferma parolado de S-ro Adv-o Attilio Vaona prezidanto de la regiona komitato de G. E. A., ĉiuj reprezentantoj de la italaj societoj portis sian saluton. Poste la sekretario legis la multe nombrajn aliĝojn ricevitajn kaj oni fermis la unuan kunsidon.

Posttagmeze D-ro Stromboli klare raportis pri la esperantista movado en Italujo dum la lasta jaro kaj rimarkigis kiel efika estas la helpo de

nacia societo kiel la G. E. A., kiu povas kunigi ĉiujn fortojn samtempe lasante al ĉiu aparta societo la plej grandan liberecon. Por la aliĝo de ĉiu societo al G. E. A. oni unuvoĉe aprobis tagordon ; plie oni aplaŭde aprobis la iniciativon de la samideanoj de Genova inviti en Italujon la 9an Universalan Kongreson.

Sekvis la Pastro G. Bianchini el Pordenone kiu raportis pri la movado en la Friuli'a regiono Fermite la duan kunsidon ni havis la plezuron viziti ĉiujn urbajn monumentojn de la interesa urbo kaj por tiu vizito la urbestraro permesis liberan eniron de la kongresanoj en ĉiujn urbajn vidindaĵojn.

Vespere ni kunvenis en gajan festenon post kiu oni sendis al la Majstro leteron de saluto kiun ĉiuj ĉeestintoj subskribis. La 8an de Aŭgusto frumatene ni veturis al Peschiera de kie ni partoprenis allogan kaj longan ekskurson sur la lago de Garda reveninte en Veronan je tagmeze.

Dum la tria kunsido S-ro Michele Liverani raportis pri la praktikaj aplikadoj de Esperanto al la internacia komerco kaj fine oni malfermis la kongreson elektante Bologna kiel sidejon de la kvara itala kongreso. Vespere oni volis ankoraŭ unu fojon akcepti la kongresanojn en la kongresa sidejo kie okazis komuna festo gajigita de ĉarmaj fraŭlinoj kaj de alloga muziko akompanita per deklamo de poezioj, ludado de komedieto kaj monologo.

La saluto estis : Ĝis revido en Genova ! kaj kun tiu saluto la kongresanoj disiĝis,

G. Calza.

**Anglujo.** — Ĉe la ĉiumonata kunsido de Unio Esper. Asocio oni sciigis ke la firmoj Holden Bros. (ŝufabrikistoj) kaj A. Fallek (presisto) kaj plie la Milton Temperance Hotel (kontraŭalkohola Hotelo) aliĝis tiun asocion. Du paroladoj pri Esperanto okazis en Portsmouth. el kiuj rezultis nova grupo. En julifino kelkaj Germanaj gelaboristoj vizitis la « Adult School Union » (plenkreskula lerneja Unuiĝo) en Seeds (New Anglujo) Inter ili rin trovis fervora Esperantisto, So A. Messmer, kiu alparolis la ĉeestantojn (en kunveno) en Esperanta lingvo. Esperantisto de la Seeds 'a grupo tradukis la paroladon, kaj la Esperantistoj dum la tago estis je la dispono de la fremdlandanoj. Per ilia komplezo oni vizitis la « Public Benefit Boot Compy. (firmo de ŝufabrikistoj) kaj vidis ĉian maŝinon kaj ĉian metodon de ŝufarado kun granda intereso kaj utilo. So. Messmer tradukis el Esperanto, en germanlingvon la klarigojn por la scio kaj kompreno de l'aliaj germanoj. Diversaj gazetoj ambaŭlandoj raportis tre favore. Do per Esperanto, ordinare fermataj pordoj malfermiĝas al la interesataj kiuj tiamaniere povas lerni kaj imiti la metodojn de alinacianoj.

Ad. S.

---

# Ĉe niaj nordaj najbaroj

Ĉar komence de Aŭgusto mi devis trapasi Holandujon mi skribis al S-ro Mees, delegito de V. E. A. en Hago, kaj demandis al li kiam okazos la nacia holanda Esperantista festo. — « Dimanĉon, kvaran de Augusto, en Utrecht » estis la respondo. Tuj mi sendis mian aliĝilon kaj ricevis la titolon de « Delegito de la Brusela Esperantista Federacio » unuvoĉe post propono de S-ro Mathieux.

La trian de la festmonato, je la kvina vespere mi alvenis en Utrecht kie min atendis S-ro Van Ollefen. Dank' al la verda stelo li tuj rekonis min ĉe la vagonareliro. Tre afable li kondukis min al mia hotelo sur la bela placo «Vredeburg» publika vendejo. Li v'digis al mi la urbon kun ĝia bela kaj arta turo, ĝia malnova profunda kanalo, ĝia papa palaco konstruita de Adriano VI, unuvorte kun ĉiuj ĝiaj vindindaĵoj.

Post vespermanĝo mi iris ĉe S-ro Van Brussel, sindonema samideano, kiu donante al mi mian membrokarton, promenadis kun mi tra la Utreĥta strataro. Sufiĉe laca, mi enlitiĝis je la dekunua, malplezure vidante la ĉielon nigriĝantan. « Eble pluvos morgaŭ ! » mi pensis.

Sed la dimanĉmatenon, la vetero estis belega ! Kia feliĉo ! ĉu tio daŭros ? Espereble !

Je la 10a okazis la akcepto en la Hotelo « Noord-Brabant».

La Prezidanto de la holando societo « La Estonto estas nia » ne povis ĉeesti. (Li estas S-ro Vermaas el Rotterdam.) Do la vic-prezidanto, S-ro Ziermans plenumis tiun taskon. Post bonvena deziro de S-ro Van Zwet el Utreĥto, S-ro Van der Velde, sekretario de « La Estonto estas nia » raportis pri la Esperanto-movado en Holandujo. Li havis la bedaŭron sciigi al ni ke demando pri Esperanto farita al la ministraro ricevis malaprobon, sed aliflanke li diris ke la grupoj regule kunvenas nuntempe. Ĉu ni povas same diri pri ĉiuj belgaj grupoj ???

Post lia parolado, mi, sola belga partoprenanto, prezentis al la sepdeko de tieaj holandaj esperantistoj la bondezirojn de la brusela anaro. Angla samideano, S-ro Davies el Portsmouth faris same pri siaj kunlandanoj.

S-ro Ziermans dankis nin kaj diris ke nia ĉeesto « donis al la festo veran internacian aspekton. »

Poste parolis aliaj Holandanoj.

Je la duono de la unua okazis lunĉo en la sama hotelo, post promenado tra la urbo kaj fotografado de la partoprenantaro.

Posttagmeze oni iris per vagonaro al la ĉarma vilaĝo Driebergen kaj de tie piede al Zeist kie oni refreŝiĝis.

Porte, je la sesa, tagmanĝo en la hotelo Oostergetel en De Bildt kie elektra tramo nin kondukis. Tiuj vilaĝetoj estas tre konataj de la Utreĥta loĝantaro kaj tre vizitindaj, kondiĉe ke pluvo ne falas ĉar ni estis tute malsekaj dank'al ĝi !

Dum la festeno mi faris toaston al la Holanda gesamideanaro kaj S-ro Ziermans dankis min respondante.

Vespere, denove elektra tramo kondukis nin al Utrecht kie okazis ĝardenfesto tre agrabla.

Dum tiu ĉi festo la fremdaj samideanoj montriĝis veraj fratoj : ili ludigis al muzikistoj la naciajn belgajn kaj anglajn himnojn : tio estis kortuŝinda amikecosigno.

Je la naŭa, ne « adiaŭon » dirante sed « ĝis revido » mi daŭrigis mian vojaĝon kaj alvenis meznokte en Rotterdam kie mi rapide iris al la Esperanta hotelo : la hotelo Coomans.

Dank'al la Rotterdamaj samideanoj mi tie trovis ĉambron malgraŭ mia malfrua alveno.

La festo, jen estas miaj impresoj, estis tre bone organizita kaj faris bonegan impreson en la urbo malgraŭ la malgranda ĉeestantaro.

Estas rimarkinde ankaŭ ke malmultaj belseksulinaj partoprenis : mi nur vidis tri fraulinojn (tre aĝajn) kaj kvar sinjorinojn !

Dum la tuta festo mi ne rimarkis ian malagrablaĵon, tamen ĉeestis katolikoj kaj protestantoj kaj nenio okazis inter ili.

Tio estas denove bela pruvo de la esperanta frateco kaj neŭtraleco !

Tie mi volas ankaŭ esprimi mian dankon al la holandaj samideanoj pri la afabla akcepto kiun mi ricevis de ili !

Robert De Leener
Bruselo.

---

## DIVERSAJ INFORMOJ

**Grava Peto** : Por akiri fidindan statistikon koncerne la disvastiĝon kaj uzadon de Esperanto en ĉiu fakaj kaj ĉiulandaj entreprenoj, mi petas ĉiujn samideanojn komuniki al mi la adresojn de la firmoj (de sia lando aŭ urbo), kiuj 1-e korespondas en Esperanto. 2-e eldonis Esperantan prospekton, prezaron aŭ katalogon (se eble alsendu aŭ alsendigo po ekzempleron), 3-e aliemaniere uzas aŭ subtenas Esperanton. Sendo tuj al Fokar Ziegler. Stuttgart (Germanujo), Bopserstr. 8.

**ATENTU**. — La registaro de Saksujo oficiale nun apogas Esperanton kaj donas ĉiujare *monon* por propagando kaj divastigo de Esperanto per la Saksa Esperanta Instituto. La saksa reĝa ministraro do estas la unua, kiu ne nur rekomendas Esperanton, sed ankaŭ donas la necesan monon por Esperanto.

La registaro jus eldonis lukse presitan broŝuron pri ĝia reĝa porcelanmanufakturo kun multaj bildoj. Tiun ĉi belan broŝuron ricevos ĉiu senpage, kiu sendas internacian respondkuponon al la Saksa Esperanta Instituto (adreso : Dresden, Ständehans, ĉambro 83).

Samideanoj, montru, ke vi ĝojas, ke reĝa ministraro eldonigis esperantan broŝuron kaj petu ĝin ĉiuj, kiuj Vi legas tiun-ĉi sciigon.

**Nova uzo de Esperanto en la praktika vivo.** — En Krakovo aperis broŝuro titolata « Politika Malliberulo » eldonita de humana internacia kaj senpartia societo, kies celo estas helpi morale kaj materiale la politikajn malliberulojn en rusa imperio, sen partiaj, naciaj, nek religiaj diferencoj. La tre zorge eldonita broŝuro estas ricevebla kontraŭ sendo de Sm 0,25 per respondkuponoj aŭ ĉiulandaj poŝtmarkoj al ; Severino Przybyszevski. Rakovika Str 4. III etaĝo, Krakovo (Galicio-Aŭstris).

**Senpage ricevebla** estas por ĉiu samideano la bela luksega gvidlibro (bankatalogo) de la fame konata banurbo Franzensbad en Bohemujo.

*Gesamideanoj* bonvolu postuli tian gvidlibron de la urbestro de Franzensbad, montru per via postuladoj, ke Esperanto jam ĉie disvastiĝis, ke nia

lingvo jam hodiaŭ estas taŭga por efikê propagandadi en la tuta mondo·

Nepre ĉiu Esperantisto skribu al la adreso : « Kurverwaltung en Franzensbad, Bohemujo », postulante senpagan gvidlibron.

**Rusaj kaj slavaj samideanoj, helpu !** Oni nin sciigas el S. Petersburgo ke S-ro V. Makuŝkin eldonanto de nova *Rusa Vortaro* publike promesis oferi 20 °/₀ el neta profito por Esperanta propagando, kondiĉe ke esperantistoj iom diskonigu tiun utilan verkon. Samideanoj kiuj deziras ricevi unu aŭ multajn prospektojn pri tiu Vortaro, estas petataj sin turni al la aŭtoro : S-ro P. Stojan, B. O. 17 lin. 68, k. 25. S.-Petersburg. Ruslando

**Ekspozicio en Kiev.** — Nia urbo preparos grandegan ekspozicion. Ni aranĝos dum ĝi esperantan fakon. Ĉar la ekspozicio estos granda kaj daŭra, nia fako bone povos helpi propagandon de nia afero. Tial ni varmege Vin petas subteni nian entreprenon, havontan tre grandan moralan signifon.

Certe Vi ne rifuzos sendi al ni, laŭ adreso : Kiev, (Rusujo), Nikolajevskaja, 9, magazeno de S-ro Ŝepe. « por ekspozicio » — Viajn eldonaĵojn kaj ĉiujn esperantaĵojn, ekzemple : libroj, gazetoj, ĵurnaloj, muzikverkoj, katalogoj, afiŝoj, prezaroj, etiketoj. esperantaj propagandaj kaj aliaj poŝtkartoj, kovertoj kaj markoj, esperantaj vizitaj biletoj kun presitaj titoloj, esperantaj kongresaj kaj aliaj signoj, diversaj esperantaj komercaĵoj k. t, p. — unuvorte, ĉiuj aĵoj kaj objektoj, rilatantaj Esperanton kaj ĝian disvastiĝon. Sendaĵoj, laŭ deziro, povos esti resendataj post la finiĝo de l'ekspozicio.

Ĉia sendaĵo, eĉ kiel ajn malgranda, estos ricevita kun kora danko kaj multe faciligos nian, ofte malfacilan, labo adon en la vasta lando.

Kun saluto kaj antaŭdanko, Kieva Esperantista Societo « Verda Stelo ».